


## 34a IFEF-KONGRESO EN HUNGARIO

Kion diri pri la pasinta IFEF - Kongreso, al kiu partoprenis sufiĉe altnombra itala delegacio?

Oni povas diri nur ke ĝi plenumis ĉiujn siajn promesojn. Fakte la organizo estis perfekte aranĝita; la kunvenoj okazis laŭ la programo kun multaj partoprenantoj kaj en bona ordo; la gastigado estis treege konforta; la bone elektitaj ekskursoj efektiviĝis precize; la artaj, kulturaj, amuzaj aranĝoj montriĝis kiel la plej altnivelaj kaj plensukcesaj manifestacioj ; la vetero kondutis preskaŭ perfekte; la lando, la urboj, la popolo malkaŝiĝis ege belaj, interesaj, ĝentilaj.

La kongresaj laboroj bone sukcesis sinsekvantaj laŭ la vico de la tagordo. Oni povas nur mencii la plej gravajn traktitajn temojn kaj okazintaĵojn. Impona kaj gravega estis la malferma cerimoni , dum kiu parolis multaj eminentuloj kaj aŭtoritatuloj. La multnombra partoprenantaro eĉ ne sukcesi esti ĉiuj en la sama salono, sed televidaparatoj helpis. En la estraro/komitata-kunsido estis traktataj kaj aprobataj ĉiuj detalaj raportoj de la estraranoj kaj de la komisionoj, la agado rilate al la aliaj organizoj, la budĝeto de 1983, la venontaj kongreslokoj kaj kongreslandoj, la estonta literatura-konkurso, la invito al la venonta I.F.E.S. en Germanio, k.t.p.

Tre interesa la fakprelego far de inĝ ISTVÁN GULYÁS pri la "Estonto de la eŭropaj fervojoj kaj la rolo de la Hungaraj Statfervojoj (MAV)".

Menciinda estas fine la agado de la komisionoj: fakprelega, historia kaj terminara.

Ĝi estis vere la kongreso de "Bonkoreco".

---

## 70-a DATREVENO DE LA FONDIĜO DE LA BOLOGNA E-GRUPO

La festo pri la datreveno de la fondiĝo de la Bologna Esperanto-Grupo okazis la 21-22 kaj 23-a de majo kun la ĉeesto de pluraj eksterlandanoj; la plej parte de ili venis de Zagreb, kiu estas la Jugoslava urbo ĝemeligita al Bologna.

Inter ili estis deko da gefervojistoj oficiale invititaj de nia "D.L.F." Dopolavoro Ferroviario (Itala Sekcio de FISAIC).

La interkonatiĝa vespero (vendrede) okazis en la sidejo de D.L.F. kun la ĉeesto de S-ro Werter NEROZZI nia Prezidanto kiu regalis manĝaĵeton kaj trinkadon al la ĉeestantoj kaj donis medalon al ĉiuj eksterlandanoj. Al la reprezentanto de la Fervojista Societo el Zagreb, D.L.F. donacis la libron pri la historio de la Fervojistoj en la Regiono Emilia-Romagna; ĝi estis verkita de la fervojistoj mem.

La plej sukcesa ero de la manifestacio estis la arta vespero per altnivela koncerto, kiu okazis sabate en la salonego "Bossi" de la muzika konservatorio dedicita al "G.B. Martini", fare de la famaj Operkantistoj (Esperantistoj) de la Stata Bulgara Nacia Teatro de Sofia: la

soprano Maria Angelova kaj la baritono Veselin Damianov, kiujn vi certe konas. La longegaj tondraj aplaŭdoj substrekis la altnivelan artan prezentadon de la geartistoj.

Dimanĉon post la S.Meso celebrita de Pastro Albino Ciccanti (krom nomita "Frato Esperanto") okazis la oficiala prelego fare de D-ro Luigi Tadolini, kiu, inter alie, dediĉis al la Fervojistoj-Esperantistoj la jenajn vortojn...

..."La kroniko de la lastaj jaroj fariĝas ĉiam pli proksima kaj ne eblas detale priskribi la multfacetan agadon de la bonvolaj anoj de la Grupo: la sennombraj kursoj (eĉ deksep dum unu sola jaro, dum la unua prezidanteco Agostini!), la ekspoziciojn, la renkontojn, la interŝanĝojn kun eksterlandanoj, la koncertojn, la partoprenon en publikajn aranĝojn kaj manifestaciojn kiel la Bolonja Foiro, la "Zecchino d'oro", tiu gravega nomita "FER-BO"..... Rilate ĉi tiun lastan mi deziras dediĉi tute specialan substrekadon por la agado de la Fervojistoj, al kiuj Esperanto devus starigi monumenton.

Ili estas granda parto de la historio de la Movado, al kiu ili donis grandegan kontribuon da energioj, da organizado, da instruistoj, da disponebleco de sidejoj, da gvidantoj, da iniciatoj tute originalaj kaj ne-anstataŭeblaj.

Sufiĉas konsideri iliajn perfektajn kongresojn, en kiujn kelkfoje ni partoprenas eĉ alternative de tiuj de la Generala Movado.Pro tio kion mi menciis, permesu al mi esprimi profundan dankon al iliaj reprezentantoj kaj por ĉiuj al kav. Germano Gimelli, ilia nacia Sekretario, kiu onoras nin per sia ĉeesto....."




## 53-a ESPERANTO-KONGRESO DE LA ITALA FEDERACIO

## JARKUNVENO DE I.F.E.A.

En la kadro de la 53-a Itala Kongreso de Esperanto kiu okazis de la 18-a ĝis la 25-a de septembro 1982-a en Forte dei Marmi, en la famkonata "Riviera della Versilia", ni okazigis la Jarkunvenon de IFEA.

La jara renkontiĝo de Italaj Fervojistoj Esperantistoj okazis lunde, la 21-an de septembro en la granda Sporta-Domo de Forte dei Marmi.

Bedaŭrinde la renkontiĝo, antaŭvidita je la 11,30 horo, okazis posttagmeze; la plejparte de la ĉeestantoj al la antaŭa kunveno,estis jam foririntaj alvokataj de aliaj renkontiĝoj kaj de la tagmanĝo. Pro tio grand-parte de la ĉeestantoj estis eksterlandanoj: Lucien De Sutter, Cefkomitatano de I.F.E.F. kun la edzino, S-ino Lilija Pavlova Koleva, Redaktorino de "Bulgara Fervojisto" informilo de niaj Bulgaraj kolegoj, la fidela ermana kolegoKarl Pscheidt, kiu inter alie prezentis la lokon de la venonta skisemajno de I.F.E.F. en Bayer-Eisenstein, S-ino Koleva raportis pri la agado de la Bulgaraj kolegoj kaj prezentis la postvenontan I.F.E.F.-Kongreson en "Slanĉev Brjag" ĉe la marbordo de la Nigra Maro norden de Burgas.

Ge-sinjoroj De Sutter salutis en la nomo de IFEF kaj ilustris la venontjaran 35-an IFEF-Kongreson,kiu okazos en Ostendo.

Fine D-ro Menabene parolis pri ma-

nifestacio, kiun li, kunlabore kun D.L.F., I.F.E.A., A.E.C. kaj A.E.D.E. okazigos en Romo. Temo: Eŭropa integriĝo en siaj diversaj aspektoj. Patronos la manifestacion la "Interparlamenta grupo Amici dell'Esperanto".

---

RAPPORTO SULLA MANIFESTAZIONE dell'8 novembre 1982 in Roma

Il giorno 21/9/982, al termine della riunione IFEA, il dr. Menabene ha comunicato ai presenti che si è costituito in Roma un Comitato di coordinamento tra le sezioni romane dell'Associazione italiana dei ferrovieri esperantisti (IFEA) del Gruppo esperantista romano (FEI), dell'Associazione dei ferrovieri europeisti (AEC), dell'Associazione europea degli insegnanti (AEDE).

La prima manifestazione pubblica organizzata dal Dopolavoro ferroviario di Roma, si è svolta lunedì 8 novembre presso il teatro delle Muse in Roma sul tema dell'integrazione europea nei suoi vari aspetti ed implicazioni (tra cui il problema linguistico).

Il Gruppo parlamentare "Amici dell'Esperanto" ha concesso il suo patrocinio.

Il questore al Parlamento Europeo On. Mario ZAGARI, non potendo essere presente, ha inviato il suo saluto ed un suo collaboratore per portare il suo contributo tramite una relazione politica.

Alla presenza di un folto ed interessato pubblico, hanno tenuto le relazioni il prof. Angelo POMPEO (EADE) su: "Scuola e cultura per un'Europa federata", il dott. Alberto MENABENE (IFEA) su: "Una lingua d'unione per i popoli europei" e il dott. Salvatore PARASPORO (AEC) su: "Una moneta europea".

Alla relazioni ha fatto seguito un vivace dibattito con molti interventi; fra gli altri hanno preso la parola l'ing. Gustavo De ROSA, Presidente onorario AEC e il dott. Umberto BROCCATELLI, del Partito Federalista Europeo ed esperantista. Era presente anche la cantante esperantista statunitense Alberta CASEY, che ha porto un saluto.

Visto l'interesse suscitato ed il buon successo della manifestazione, i responsabili delle Associazioni interessate hanno dichiarato che saranno organizzati altri analoghi incontri.

Al termine dell'incontro, durante una cena in comune in un tipico ristorante romano, una gaia atmosfera ha favorito nuove amicizie e una buona propaganda per la Lingua Internazionale.

---

NEKROLOGO

Amiko Marinko GIVOJE (Mara Inko, kiel li ofte ŝerce diris) ne plu estas inter ni. Li mortis la 31-an de majo. La malĝojan novaĵojn ni legis sur "Heroldo" sed ni jam antaŭe sciis pri lia ne bona sanstato.

Kiu ne konas Marinko GIVOJE en la Mondo Esperantista? Liaj verkoj, lia amikeco, lia vervo kaj aktiveco? Li estis 63-jaraĝa kaj lia granda koro ĉesis bati.

Ni ploras nian grandaniman amikon. Lia morto lasis grandan truon en niaj vicoj.

---

KELKAJ INFORMOJ PRI LA 35a I.F.E.F.-KONGRESO - OSTENDO - 4-10.6.83

Konstanta Kongresa Adreso: 35a IFEF-Kongreso
p/a DE SUTTER Lucien,
Chemin des Pins, 4,
B - 1180 Bruxelles.

Ĉiuj pagoj sendu al P.Ĉ.K. (postkonto) n.ro 000-0477076-30 de B.E.F.A.

Kongresejo: La Festa kaj Kultura Palaco de Ostendo. Ĝi situas meze de la urbo kaj malpli ol 10 minutoj piede de la stacidomo.
La turo de la kongresejo enhavas sonorilaron kun 49 sonoriloj. Antaŭ la kongresejo estas publika placo kun muzika kiosko kaj trotuaraj trinkejoj. Apude komercaj piedirantaj stratoj kun bankoj, restoracioj, kukvendejoj, trinkejoj, grandaj magazenoj kaj diversaj aliaj magazenoj, k.t.p.

Post malpli ol 5' da marŝado, vi alvenas sur la strando kies longeco estas 8,5 km.

Ostendo estas vivanta urbo ĉe la marbordo (71500 enloĝantoj), finstacio de internacia fervoja linio, je 25 km. de la universala konata urbo: Bruĝo.

Loĝado:

| Kategorio | dulita ĉambro | unulita ĉambro |
|---|---|---|
| A (ĉambro + bano + necesejo) | de 1500 ĝis 2100 | de 1000 ĝis 1300 |
| B ( " " au duŝo + necesejo | 1050 " 1500 | 650 " 1000 |
| C ( " + lavabo) | 800 " 1050 | 500 " 650 |
| D ( " + " | 650 " 800 | 400 " 500 |

Prezo en belgaj frankoj po ĉambro kun matenmanĝo, servmono kaj ĉiuj taksoj enkalkulitaj.

Ekskursoj: Ni antaŭvidas tri ekskursojn.

A. duontaga al Bruĝo;
B. duontaga al Zeebrugge kaj ĉirkaŭaĵo;
C. tuttaga tra la flandraj historiaj urboj.

Kongreskotizoj:

| | ĝis 15.02.983 | ekde 16.02.983. |
|---|---|---|
| Kongresano IFEF-membro, ankaŭ emeritulo: | 1300 | 1950 |
| Familiano kaj junul(in)o malpli ol 20 j.: | 650 | 1000 |
| Kongresano ne IFEF-membro: | 1600 | 2400 |

NEKROLOGO - Claudio PIVARI mortis en Porretta T. la 14an de septembro 1982a. Tre fidela amiko li partoprenis en multaj Universalaj kaj en preskaŭ ĉiuj Fervojistoj-Esperanto kunvenoj kaj Kongresoj.
Varma esperantisto, li organizis kursojn kaj fondis grupon. Laste li kunlaboris en la organizado de la Internacia Festivalo de la Esperantista Junularo kiu okazis en Porretta Terme la pasintan jaron.
Al patrino kaj filinoj la Esperantista Fervojista Asocio sendas plej korajn kondolencojn.

# I. F. E. A.



**ASSOCIAZIONE ITALIANA FERROVIERI ESPERANTISTI**

Aderente alla INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO FEDERACIO (I.F.E.F.):
alla UNIVERSALA ESPERANTO ASOCIO (U.E.A.) - ROTTERDAM (Membro consultivo dell'UNESCO 1954)
e alla FEDERAZIONE ESPERANTISTA ITALIANA (F.E.I.) - (Ente Morale 1956)

Sede Centrale: Dopolavoro Ferroviario Bologna (Italujo)




# Informal Bulteno

ITALA FERVOJISTA ESPERANTO - ASOCIO

# ITALA FERVOJISTO

REDAKTEJO: 40128 Bologna - Via Donato Creti N, 61 - Tel. 359.071

STAMPE